A K T U A L E

Monata informilo de Sovetia Esperantista Junulara Movado

La agadjaro 1978/79 N°5(59) Januaro

## DO: VENIS TEMPO POR LABORI!

Tamen ne pensu, ke mi opinias vin ĝis nun nenionfarantoj! Venis tempo por komunaj amasaj laboroj en la sfero de E-propagando. Ĉiu klubo, ĉiu subtenanto, ĉiu esperantisto - subtenu la kampanjojn de la populariga fako! Nur tiam ni laboros efike kaj havos venkojn. Ni ne strebu al tro ambiciaj kampanjoj - estu niaj venkoj lokaj, malgrandaj, sed - ne malgravaj. "Paŝo post paŝo" -estu nia slogano.

La unua tasko: kampanjo "Eksterlandaj esperantistoj kontribuas al kresko de sovetunia E-movado". Ĝi celas fari gravajn paŝojn laŭ kvar realaj direktoj: "Moskvaj Novaĵoj", Olimpiko-80, Moskva Radio, libroeldonejo "Progress". Legu kaj analizu:

Ĉu vi volas legi "Moskvajn Novaĵojn" en Esperanto?

Kio okazas en Sovetunio hodiaŭ? Pri tio vi povas ekscii, legante la ĉiusemajnan ĵurnalon "Moskvaj Novaĵoj", eldonatan angle, arabe, france kaj hispane. La ĵurnalo prezentas al siaj legantoj plej freŝajn informojn pri la demandoj de la interna kaj ekstera politiko de USSR, pri novaĵoj de la kultura vivo, sciencaj atingoj, ekonomiaj kaj teknikaj problemoj kaj pri aliaj temoj. En senpagaj aldonoj al la ĵurnalo estas publikigataj plenaj tekstoj de ĉiuj plej gravaj oficialaj dokumentoj de la Soveta ŝtato. La ĵurnalo estas liverata el Moskvo per aviadiloj de Aeroflot.

Dum pasintaj jaroj en la ĵurnalo oni ofte publikigis informojn pri E-movado en USSR kaj Esperanto. En N°10(2790) de la 11-a de marto 1978 la redakcio informis (per teksto en Esperanto) pri speciala aldono al la numero: L.I.Breĵnev pri la tutpopola pridiskuto de la projekto de Konstitucio de USSR, en Esperanto. En N°28(2808) de la 15-a de julio 1978 similmaniere aperis nova suplemento: plena E-teksto de la Konstitucio de USSR. Fakte la redakcio estas teknike preta organizi E-anguleton ĉe angla, franca kaj hispana eldonoj.

Skribu al la redakcio, proponu eldonadon de la ĵurnalo en Esperanto, aperigon de materialoj pri sovetunia E-movado sur paĝoj de la ĵurnalo, organizon de speciala aldono (suplemento) al la gazeto en Esperanto aŭ ion similan - vi estas libera proponi ĉi-flanke ion ajn bezonatan laŭ via opinio.

Ĉiu skribonto praktike helpos al E-movado de Sovetunio. La adreso de la redakcio: USSR, Moskvo, str. Gorkij 16/2, redakcio de "Moskovskije Novosti".

Olimpiko-80 kaj Esperanto

Ne ĉio dependas de la sovetaj esperantistoj, ĉar Esperanto en Olimpiko-80 estos bezonata unuavice por la eksterlandanoj: turistoj, sportistoj.

Karaj gesamideanoj! Proponu al la Olimpika Organiza komitato aperigi vortarojn-frazlibrojn, albumojn, sportajn terminarojn, prospektojn, afiŝojn, librojn pri nia lando, pri Moskvo - en Esperanto. Oni povas skribi nacilingve, de propra nomo. Eblas proponi ankaŭ aliajn ideojn al la komitato - tio influos la komunan aferon. Viaj proponoj helpos al daŭra sukcesa evoluo de E-movado en USSR. La adreso: USSR, Moskvo, str. Gorkij 22b, Orgkomitet "Olimpiada-80".

Moskvo ree parolas Esperanton

La unuan fojon post la renaskiĝo de E-movado en Sovetunio Moskva Radio parolis E-lingve. Trifoje. la 4-an kaj la 5-an de februaro 1978 dum la vesperaj itallingvaj disaŭdigoj (41 m, 49 m) estis emisiita E-anguleto. Temis pri E-agado en Sovetunio, estis sonigita kanto el la litova E-disko.

La via reeĥo, karaj eksterlandaj gesamideanoj, dependas daŭrigo de la radioelsendoj. Skribu viajn proponojn kaj opiniojn al: USSR, Moskvo, Moskva Radio, itallingva fako.

E-libroj en la eldonejo "Progress"

Ĉu vi volas scii pli multe pri Sovetunio, ĝiaj homoj kaj urboj? Ĉu interesas vin la vivo de la soveta popolo, ĝia kulturo kaj arto, literaturo kaj kutimoj? Ĉu vi dezirus pli bone konatiĝi kun Sovetunia E-movado?

Ĉion ĉi vi ekscios, se turnos vin al eldonejo "Progress". Petu ĝin eldoni librojn, broŝurojn, fotoalbumojn, prospektojn kaj bildkartojn pri Soveta Unio, pri ĝiaj popoloj, vivmaniero. Tiel vi atingos vian celon kaj helpos al E-movado en USSR! La adreso: USSR, Moskvo, Zubovskij bulvar 21, izdatelstvo "Progress".

Kion devas kaj povas fari vi?

En la kluboj: multobligu la kvar ĉi-suprajn tekstojn kaj dissendu al kolektivaj kaj individuaj korespondantoj de la klubanoj; aŭ donu taskon skribi petleterojn eksterlanden (al ĉiu klubano - por ĉiu eksterlanda korespondanto).

Por individuoj (subtenantoj, nealiĝintaj esperantistoj): skribu al viaj korespondantoj, por ke ili subtenu la kampanjon kaj reagu: siavice skribu al la menciitaj instancoj.

Rimarko: ne troigu viajn penojn; pensu antaŭ ol ion fari rapide. Faru la aferon saĝe, pripensite. Ĝenerale, ĉio ĉi devas aspekti tiel, kvazaŭ la proponojn elpensis eĉ ne vi, sed via korespondamiko mem. Do oni ne skribu: "Kara redakcio, mia sovetunia amiko rekomendis ke mi skribu al vi..."!

Tamen vi evidente komprenas, karaj geamikoj, ke se entute nenion fari, ni ne ricevos donacojn de la ĉielo. Do, ni faru ĉion eblan.

V.Sapoĵnikov, estro de PF (660075 Krasnojarsk, ab. ja. 2420).

HONORAN MALFONDON!

ASE estas fondata ne por anstataŭi SEJMon. Sekvas konkludo: SEJM ne repre devas malfondiĝi. Tamen - unu el celoj de SEJM estis ja atingi oficialecon por E-agado, kaj ĝiaj aktivuloj multon faris por antaŭprepari aperon de ASE. Sekvas la dua konkludo: post ekfunkcio de ASE necesos malfondi SEJMen kaj ekaktivi en kadroj de la oficiala ASE.

Dum pli ol dek nefacilaj, sed agoriĉaj jaroj SEJM mobilizis junajn fortojn, akiris simpation kaj subtenon de E-veteranoj, aŭtoritatiĝis eksterlande. Kaj jen, mi aŭdas parolojn: Komitato de SEJM anoncos malfondon, kaj tiel silente ĉesos funkcii SEJM (simple, ĉu?). Mi atentigas: laŭ la Regularo, malfondi SEJMon rajtas nur la Konsilantaro (la somera decido, rajtiganta la Komitaton solvi ĉiujn demandojn, ligitajn kun la stato de SEJM, ne validas ĉi-kaze). Tio signifas, ke antaŭ ĉio la Komitato devos prezenti al la Konsilantaro: a) raporton pri la agadjaro 1978/79, b) raporton pri agado de SEJM ekde ĝia fondiĝo, c) raporton pri ebloj por junulara agado en la ekfunkciinta ASE. Post tio la Konsilantaro voĉdonu.

La Konferenco de SEJM-Konsilantaro povas esti foresta: la Komitato raportas skribe - per "Aktuale", ankaŭ la voĉdonado okazas

skribe. Estus tamen pli bone okazigi renkontiĝon (ankaŭ por honorigi tiujn, kiuj aktive agadis en SEJM). Oportune estus aranĝi la renkontiĝon dum la Maja festo apud Moskvo. Ne malbonos, se ĝi okazos somere.

V.Ŝilas (Vilnius).

"LIRO-78"

Jen denove fino de decembro, denove ni sumigas rezultojn de la tradicia Belarta konkurso de SEJM "Liro", kiu jam trian fojon okazis en kadroj de la Zamenhofa festo, organizita de Miassa E-klubo.

Kia ĝi estis ĉi-jare? La impresoj kontrastas: la konkurso kaj ĝojigis, kaj lacigis, kaj inspiris, kaj embarasis. De unu flanko - ĝi, laŭ komuna opinio, havis "je kapo pli altan nivelon ol pasintjare", de alia flanko - la organizantoj kaj ĵurio kunpuŝiĝis kun malfacilaĵoj, kiuj mankis dum la antaŭaj "Liroj". Unuajn embarasojn kaŭzis kvanto de partoprenintoj. Por 60 havataj lokoj venis 77 personoj ekskluzive tiujn, kies akcepton ni rifuzis pro malfrua aliĝo. Do, aperis nova problemo por sekvaj jaroj: ĉu rezigni pri la komforta, kutima, sed jam ne enlokiganta ĉiujn dezirantojn ripozejo "Rassvet", aŭ iamaniere limigi kvanton de partoprenontoj? Plej verŝajne ni akceptos la unuan varianton, ĉar disvastigo (kvanta kaj geografia) de partoprenantaro estas unu el niaj ĉefaj taskoj. Ĉi-foje ni jam ĝuis tian disvastiĝon: en la konkurso estis reprezentitaj 9 urboj ĉeeste (kontraŭ 5 pasintjaraj) kaj 11 foreste. Ĝojigis nin veno de malproksimaj gastoj el Moskvo, Kirov, Krasnojarsk, amasa kaj aktiva partopreno de esperantistoj el najbaraj urboj Ĉeljabinsk, Ufa, Satka. Do, la kvanto kaj konsisto de la partoprenintoj nin kontentigis malgraŭ ĉiuj malfacilaĵoj. Ankaŭ la kvanto de konkursaĵoj (54!) ĝojigis kaj teruriĝis samtempe. Teruriĝis precipe la ĵurio, kiu estis ververe superŝutita per la tekstoj kaj devis streĉe labori tage kaj nokte. Aperis nova bezono por estonto - anticipa dissendo de konkursaĵoj al ĵurianoj, por ke la juĝado estu pli profunda kaj objektiva.

Ĉiuj tradiciaj 7 branĉoj de la konkurso ĉi-jare estis denove prezentitaj komplete, tamen tute ne proporcie inter poeziaĵoj kaj kantoj (poezion, originalan kaj tradukitan, reprezentis nur 13 konkursaĵoj). En la branĉo de tradukita poezio ĉi-foje estis unikaĵo: du tradukistoj (P.Astafjev kaj L.Novikova) sendepende unu de la alia prezentis por la konkurso siajn tradukojn de la fabelo "Ĉevaleto-ĝibuleto" de P.Jerŝov. La ĵurio aljuĝis la 1-an premion al ambaŭ konkursantoj.

Tamen vere unika estis la kanta parto de la konkurso. Kelkdeko da kantoj, el kiuj 12 (!) kun originalaj melodioj, 8 - kun originalaj tekstoj! Kaj la plenumo! 8 plenumitaj kantoj ricevis la saman kvanton de poentoj, kaj la ĵurio ne sciis, kiel disdividi la premiojn. Bone, ke ĉi-foje estis aldonitaj specialaj premioj "Nova talento". Ilin ricevis vere talentaj gejunuloj - L.Sokolova, A.Fomin, N.Terentjev.

Bedaŭrinde, ne eblas detale rakonti pri ĉiuj konkursaĵoj kaj konkursantoj - ĉio estis interesa kaj neripetebla. Mi volas nur aparte danki niajn konstantajn konkursantojn - N.Cvileneva, A.Aleksandrov (Ufa), N.Arolovič (Sizranj), M.Bronŝtejn (Tiĥvin), V.Ĉaldajev (Barnaul) kaj laŭde mencii kelkajn novajn partoprenantojn - I.Valina (Moskvo), J.Zajdman (Jalta), S.Miĥajlin (Krasnojarsk), kies partopreno en sekvontaj "Liroj" estas bonveninda.

Antaŭ ol anonci la rezultojn de la konkurso, mi kelkvorte rakontos pri la kromkonkursa programo de la Zamenhofa festo. Ĉi-jare ĝi estis dediĉita al la 30-a datreveno de la Deklaracio de Homaj Rajtoj. Dum la solena malfermo de la festo ĉiuj kun intereso aŭskultis

prelegon de aktiva membro de Miassa E-klubo, malnova partianino T.A. Koptjagina pri la temo "Esperanto kaj homaj rajtoj". Poste B.G.Kolker, ĉefdelegito de UEA, rakontis pri la 63-a Universala Kongreso de Esperanto, kiun li partoprenis. La rakonton sekvis demonstrado de lumbildoj pri la Kongreso. Siajn lumbildojn kaj filmon pri OrSEJT-20 prezentis E.Tartiŝev. La festan vesperon kronis bonega koncerto, kiun preparis plejparte la ĉeljabinskanoj sub gvido de V. Ilkajev kaj kiun tre beligis per siaj majstraj dancoj A.Ĥusnutdinova (Sterlitamak).

Do, ni disiĝas kun ĉiuj "Liro"-anoj ĝis "Liro-79". Sukcesan krean laboron al vi dum la jaro!

L.Novikova, v/p pri renkontiĝoj,
prezidantino de Miassa E-klubo.

## R e z u l t o j  d e  l a  B e l a r t a  k o n k u r s o  " L i r o - 7 8 "

I. Originala poezio:
1-a premio - Novikova L. (Miass) por "Mi premas frunton al la vitro...";
2-a - Andrianova N. (Kiev) por "Aŭtuna elegio";
3-a - Valina I. (Moskvo) por "Nenіam".
II. Originalaj kantotekstoj:
1-a premio - Cvjleneva N. (Ufa) por "Neĝa kanto" (muziko de la aŭtorino);
2-aj - Bronŝtejn M. (Tiĥvin) por "Amiko mia" (muziko de G. Santerkole) kaj Novikova L. por "Ne revenos amata mia al mi" (muziko de Frank Farian);
3-a - Novikova L. por "Kor' ĝigita" (muziko de la aŭtorino).
III. Originalaj melodioj por E-teksto:
1-a premio - Miĥajlin S. (Krasnojarsk) por "Rozarbeto de la amo" (teksto de S.Petöfi, traduko de K.Kalocsay);
2-a - Novikova L. por "Kor' ĝigita";
3-a - Novikova L. por "Vintra fabelo" (E-teksto de N.Ĥoĥlov);
"Nova talento" - Fomin A. (Ĉeljabinsk) por "Songoj" (teksto de A.Blok, traduko de L.Novikova).
IV. Tradukita poezio:
1-aj premioj - Astafjev P. (Kujbiŝev) kaj Novikova L. por "Ĉevaleto-ĝibuleto" de P.Jerŝov;
2-a - Bronŝtejn M. por "Versoj pri mia profesio" de N.Dorizo;
3-a - Novikova L. por "Dum esplorado" de M.Svetlov.
V. Tradukitaj kantotekstoj:
1-a premio - Novikova L. por "Granado" (teksto de M.Svetlov) kaj "Songoj";
2-a - Novikova L. por "Sonĝo de Stenjka Razin" (rusa popola kanto) kaj "Kunigas foje" (rusa teksto kaj muziko de L.Katajeva);
3-a - Aleksandrov A. (Ufa) por "Ne, mi ne ploras" kaj "Silentu, silentu" (teksto de J.Miĥajlov, muziko de G.Gladkov);
"Nova talento" - Sokolova L. (Miass) por "Eh, na-ni..." (cigana kanto).
VI. Plenumo de versaĵoj:
1-a premio - ne aljuĝita;
2-a - Novikova L. por "Mi premas frunton al la vitro...";
3-a - Ĉaldajev V. (Barnaul) por serio de originalaj versaĵoj.
VII. Plenumo de kantoj:
1-a premio - grupo de miassanoj por "Kor' ĝigita";
2-a - grupo de miassanoj por "Granado";
3-aj - Miĥajlin S. por "Rozarbeto de la amo" kaj Dikina L. (Ĉeljabinsk) por "Soleca akordiono" (muziko de B.Mokrousov, rusa teksto de M.Isakovskij);
"Nova talento" - Terentjev N. (Ĉeljabinsk) por "Ni tiom estis

junaj" (muziko de A.Paĥmutova, rusa teksto de N.Dobronravov, traduko de V.Laptev).

Ĵurio: Kolker B. (Ufa), Tartiŝev E. (Kirov), Ŝajmuĥametova R. (Ufa).

## ĈU LA OLIMPIKULOJ PAROLOS EN ESPERANTO?

Proksimume antaŭ du jaroj mi ricevis leteron de hungara esperantisto, aŭtoro de la libro "Sporta lingvo en Esperanto" Tibor Ujlaky-Nagy (nun forpasinta) konserne la demandon pri uzo de Esperanto por la Olimpiko en Moskvo. Jen estas la plej esencaj eroj el tiu letero.

"Antaŭ la komenco de la Montreala olimpiko la Kanada Esperanto-Asocio surprizis per valora donaco la olimpikulojn. Ĉiu aktiva partoprenanto de la Olimpiaj Ludoj ricevis la libreton "Saluton, amiko", kiu estas kvarlingva broŝuro konsistanta el sporto-tema frazaro kaj ĝenerala vortara parto. Sur ĉiu duopa paĝo la du unuaj kolumnoj estas skribitaj en la du oficialaj lingvaoj de la Internacia Olimpika Komitato - t.e. france kaj angle, - la tria estas en Esperanto kaj la kvara kolumno estas rezervita por la adekvata nacilingva traduko.

Tiu valora verketo de KEA ĝermis el la iniciato de la Germana Esperanto-Asocio, kiu - okaze de la Munkena Olimpiko en 1972 - jam eldonis similan frazaron, sen vortara suplemento, kaj nur en la du oficialaj lingvoj plus Esperanto, t.e. sen nacilingva traduko.

Estas tre grave, ke tiu kampanjo estu daŭrigata ankaŭ en la Moskva Olimpiko. La farendoj - miaopinie - estas grupigendaj ĝenerale en kvar fazojn.

La unua fazo estas fondi - kiel ankaŭ KEA faris - la "olimpikan komitaton" de la Komisiono pri internaciaj ligoj de sovetaj esperantistoj, kiu komitato, konsistanta el taŭgaj membroj kaj disponanta pri la necesaj financaj rimedoj, povos gvidi kaj sukcesigi la kampanjon.

La dua fazo devos esti la rekompilado de la libreto: en la frazaro estos necesaj pluraj fakaj kaj lingvaj korektoj. Ĉetere ĉi tie prezentas sin la demando, kiuj lingvoj estu reprezentataj en la tri unuaj kolumnoj de la libreto.

Ebleco a): Restu la franca kaj angla, t.e. la oficialaj lingvoj de IOK, la tria estu Esperanto, do tute kiel en la kanada libreto. Tiu solvo faciligas la simplan fotokopiadon de la tuta libro. Sed ĝi malebligas unue: eventualajn korektojn; due: ke la eksterlandaj sportistoj povu rekte (t.e. ruse) kontaktiĝi kun la hejmlandaj sportistoj, oficialuloj kaj - laŭokaze - kun la loĝantaro.

Ebleco b): Anstataŭ aŭ la anglan aŭ la francan enmeti la rusan. Tiu solvo estas ofenda kontraŭ la neglektata oficiala lingvo.

Ebleco c): Maldekstra kolumno - rusa teksto; dua kolumno - rusa teksto fonetikigita per Esperantaj literoj; tria - Esperanta teksto. Tiu solvo necesigas plenan rekompostadon de la teksto, sed ebligas necesajn korektojn kaj certigas rektan pervorteran kontaktiĝon kun la hejmlandanoj.

La tria fazo: informiĝo ĉe la Soveta Olimpika Komitato pri la antaŭvideblaj lingvoj de la olimpikuloj pri ilia nombro laŭ lingvoj. Poste estos necese alvoki la koncernajn landajn Esperanto-asociojn, ke ili kunlaboru en la tradukado de la Esperanta teksto en la nacian lingvon kaj en la presigo de tiu teksto en la necesaj formato kaj kvanto.

La kvara fazo: dissendi la pretajn librojn - kelkajn monatojn antaŭ la Olimpiko - al la landaj Esperanto-asocioj, kie oni faros la engluadon de la nacilingva teksto. Poste ili transdonos la libretojn al la propralanda olimpika komitato, kiu zorgos pri la dis-

donado de la libretoj inter la olimpikuloj.
Kompreneble la kampanjon konsistigos aro da necesaj detaloj, pri kiuj la "olimpika komitato" de la sovetaj esperantistoj devos ellabori precizan planon."
Aldone al la sugestoj de s-ano Ujlaky-Nagy mi volas komuniki jenon.
En februaro 1978 mi vizitis Tutsovetian sportkomitaton, akompane de unu ĝia funkciulo, kiu favoras al Esperanto. Dum la interparolo evidentiĝis, ke: 1) la gvidantoj nenion aŭdis pri Esperanto kaj preskaŭ supozis min sola esperantisto en la mondo; 2) ili zorgas, ke la rusa lingvo ne estu diskriminaciata en sporto kaj aparte estu uzota inter sportistoj el socialismaj landoj; 3) dume ili ne scias kiu persone partoprenos la Olimpikon-80, ĉar dum du jaroj multaj sukcesos "oldiĝi"; 4) la sportistoj ĝenerale ne tiom bezonas lingvan komunikadon, tiun en limigita kvanto bezonas la trejnistoj, juĝistoj ktp.; 5) la partoprenontoj ne inklinas lerni Esperanton, ĉar ĝi ankoraŭ ne estas disvastigita; 6) la sportkomitato povos iniciati nur pri la rusa lingvo, sed ne pri Esperanto.
Jam post mia vizito, al la Organiza komitato "Olimpiko-80" sin turnis d-ro Gianfranco Polerani (Italio), komisiito de UEA pri kontaktoj kun sportaj organizaĵoj. La respondo (ruslingva) tekstas:
"La 14-an de aprilo 1978
N° 08-175

Estimata s-ro Polerani,

Ni analizis la proponojn, enhavatajn en Via letero de la 11-a de marto ĉi-jara, kaj volus esprimi pri ili nian opinion.
La ideo uzi Esperanton dum la Olimpiaj ludoj en Moskvo por plifaciligi la komunikadon de reprezentantoj de multaj landoj prezentas intereson, tamen la efikeco de uzo de Esperanto por tiuj celoj multe dependos de larĝa disvastigo de Esperanto en ĉiuj landoj de la mondo, t.e. de sukcesoj de la laboro, kiun faras Universala Esperanto-Asocio kaj la naciaj Esperanto-kluboj.
Viaj proponoj pri uzo de Esperanto en okazigo de la olimpikaj sportaj konkuroj kaj por eldono de oficialaj bultenoj de la Organiza komitato, bedaŭrinde, ne povas esti realigitaj, ĉar la konkuroj estas okazigataj laŭ la reglamentoj de la Internaciaj sportaj federacioj, antaŭvidantaj uzon de la oficialaj lingvoj, akceptitaj de ĉiu federacio, kaj eldono de oficialaj bultenoj estas farata konforme al la Olimpika Ĉarto, kiu preskribas uzon de la franca kaj angla lingvoj kiel oficialaj.

Kun estimo
V.I.Prokopov
Estro de la Internacia fako
de la Organiza komitato".

Dum la 63-a UK sub prezido de H.Tonkin oni pridiskutis kaj la respondon kaj eblajn vojojn por olimpikigi Esperanton. Tonkin diris ke li klopodis konvinki lordon Killanin, prezidanton de la Internacia Olimpika Komitato, tamen nesukcese. Do, la afero daŭras. Sed la ponton oni konstruas de ambaŭ bordoj. Viajn proponojn pri la afero - sur la paĝojn de "Aktuale"!

A.Ĥarkovskij (Moskvo).

## ĈU TIEL?

Legante la ĵurnalon "Izvestija" N°268(19028), mi turnis mian atenton al la artikolo de M.Zubko "En la lando de la revolucio". La artikolo temas pri la samnoma libro de K.Lindhagen, eldonita svedlingve en 1918.
En la artikolo, kiu havis subtitolon "Sveda aganto pri interparoloj kun V.I.Lenin", mi tralegis:
"K.Lindhagen ... komencis kun Lenin konversacion pri multnacia

ŝtato. Interalie, lin interesiĝis problemo: 'Kiel en la nova naturo komuneco de la nacioj la diversaj popoloj devas kompreni unu la alian?'. Poste li demandis al Lenin: 'Ĉu ekzistas ĉe la rusa registaro iuj planoj por efektivigi pactraktadojn aŭ por kontrakti internaciajn konvenciojn, kiuj celus establon de tutmonda lingvo, deviga por studado en ĉiuj lernejoj de la mondo?'

La sveda gasto evidente okupiĝis pri la ideo de kreado de unueca internacia lingvo (de Esperanto-tipo), kiun endus penetrigi en ĉiuj landoj de la planedo. Ĉi tiun problemon li konsideris 'krono de internaciaj aranĝoj' kaj tial supozis ke ĝi 'devus precipe entuziasmigi la grandan adepton de la internaciismo'.

Tamen Lenin havis alian vidpunkton. Respondante al Lindhagen je lia demando, Vladimir Iljiĉ, kiel komunikas la aŭtoro de la libro, diris, ke jam estas la tri tutmondaj lingvoj kaj la rusa iĝos la kvara.

La aŭtoro ne kaŝas, ke aŭdante tiujn vortojn li levetis la ŝultrojn, ĉar 'vidis la plej bonan solvon nome en la disvastigo de artefarita tutmonda lingvo'. Tamen li notis, ke Lenin 'ne kredis pri tio tute'. Kaj aldonis: Lenin 'ne havis ion kontraŭ tio, ke la viva lingvo (fremda - M.Z.) estu instruata en la lernejoj. Ĉi tio donos nur utilon, opinias li'."

La artikolo finiĝas per la vortoj: "Progreso de la internacia kunlaborado, interkomunikado de la homoj de la diversaj landoj kaj nacioj efektiviĝas ne surbaze de artefarita lingvo, sed surbaze de la kelkaj vivantaj lingvoj, kiuj iĝis tutmondaj...".

La apero de ĉi tiu artikolo en la centra preso ĝuste nun, kiam nia movado atendas la grandajn ŝanĝojn, estas iomete stranga. En niaj informiloj ni povis legi pri tute kontraŭaj faktoj. Do kio estas pli ĝusta? Kion vi, bone informitaj kamaradoj, povas diri pri tio ĉi?

V.Vjazovcev (Salavat).

## NENIO NOVA TROVITA

La artikolo en "Izvestija" N°268 aperis sub rubriko "Serĉoj kaj trovaĵoj". La aŭtoro M.Zubko anoncas sian "trovaĵon" - la interparolon de Lenin kun la tiama urbestro de Stokholmo K.Lindhagen en 1918, dum la akcepto de sveda delegacio. M.Zubko mencias la vortojn de Lenin, kiu negative reagis je insista propono de Lindhagen, ke la sovetia registaro senprokraste enkonduku Esperanton en ĉiujn lernejojn kaj proponu al ĉiuj registaroj agi same. Lenin, laŭdire de Lindhagen, diris, ke la sovetia registaro konsideras necesa enkonduki en la lernejojn naciajn fremdajn lingvojn kaj aldonis, ke jam ekzistas tri mondaj lingvoj kaj la rusa estos la kvara.

Tiu ĉi rememoro de Lindhagen estas tre bone konata al esperantistoj, ĉar post la reveno de la delegacio al Svedio ĝian viziton priskribis sveda kaj esperantista gazetaro. Krom tio, post publikigo de la libro de Lindhagen la epizodo denove estis priskribita en la esperantista gazetaro.

Por ĝuste pritaksi la artikolon de Zubko, kiu povas krei ĉe la legantoj falsan opinion pri kvazaŭ negativa rilato de Lenin al la esperantista movado, necesas rememori la jenajn faktojn:

1) La plej aŭtoritata marksism-leninisma scienca centro - Instituto de marksismo-leninismo ĉe CK KPSU, kiu zorge kolektas ĉion diritan kaj skribitan de Lenin, inkluzive la plej malgrandajn notojn, respondadis al kelkaj demandoj de sovetiaj kaj eksterlandaj esperantistoj pri rilato de Lenin al Esperanto, ke la Instituto ne disponas pri iuj ajn eldiroj de Lenin tiuteme. Ekzistas nur multaj memoraĵoj de diversaj aŭtoroj, el kiuj unuj asertas, ke Lenin estis kontraŭulo de Esperanto, la aliaj - ke Lenin estis fervora adepto

de Esperanto.

Do, la "trovaĵo" de Zubko absolute nenion aldonas - ĝi estas ankoraŭ unu (bone konata!) memoraĵo.

2) Necesas rimarki, ke homoj, kiuj ne okupas sin pri interlingvistiko, ne faras diferencon inter la nocioj: universala lingvo (UL), monda lingvo (ML) kaj internacia lingvo (IL), - kaj tuŝante en siaj skribaĵoj kaj eldiroj ĉi tiun temon tre ofte miksas ilin. Sed esperantistoj devas distingi ĉi tiujn noniojn: UL estas la estonta unusola lingvo de la unuiĝinta homaro; ML estas la lingvo de granda nacio, disvastigita tra la mondo, uzata de centmilionoj da homoj, respegulanta riĉajn kulturvaloraĵojn; IL estas la internacia lingvo, celanta kontaktojn inter diverslingvaj popoloj jam nun, ekzistanta apud naciaj lingvoj kaj ne celanta neniigi ilin.

3) La 23-an de januaro 1914 Lenin en sia prelego en Parizo pri nacia problemo interalie diris: "La universala lingvo eble estos la angla, eble + la rusa" ("Leninskij sbornik", vol. XXX, p. 64, 1937).

4) Lindhagen, se li ĝuste rememoris la vortojn de Lenin, indikas, ke laŭ opinio de Lenin jam ekzistas tri mondlingvoj kaj la rusa estos la kvara. Estas klare, ke temas ne pri UL, sed pri ML.

De tiu tempo jam pasis pli ol 60 jaroj, kaj la Unuiĝintaj Nacioj (UN) estas devigataj pli kaj pli grandigi la kvanton de la laborlingvoj, konsiderante ilin ML. Al la malnovaj laborlingvoj estis aldonitaj ankaŭ la ĉina, araba kaj hispana. Verŝajne baldaŭ aperos la neceso aldoni ankaŭ la japanan, unu el hindiaj kaj eble la svahilon. La lingva ĥaoso kreskas eĉ en UN! Ĉu ne estas klare, ke la ekzisto de kelkaj ML ne nur ne forigas la bezonon pri IL, sed faras ĝin pli kaj pli urĝa?!

Revenante al la problemo de rilato de Lenin al Esperanto kaj la esperantista movado, mi povas rekomendi al la interesiĝantoj sin turni al mia artikolo "Lenin kaj Esperanto", publikigita en "der esperantist" N-42, 1970 kaj "Bulgara Esperantisto" N- 11 kaj 12 de la sama jaro. En ĝi estas troveblaj faktoj, montrantaj, ke eĉ se Lenin speciale ne interesiĝis pri Esperanto kiel IL, tamen li ne pretiris la eblon uzi ĝin por la internacia revolucia movado kaj por disvastigo de la vero pri Sovetio. Tion pruvas la faktoj de enmeto de la punkto "Pri Esperanto" en la tagordon de la II-a Kongreso de Kominterno kaj "Pri la lingvo internacia" en la tagordon de la III-a Kongreso, organizo de la Unua tutsovetia esperantista Kongreso en Petrogrado en 1921, fondo de SEU kaj larĝa, malavara subteno de ĝia agado.

Do, M.Zubko vane serĉis kaj nenion novan trovis. Kaj liaj konkludoj, ke la nuntempo atestas pri ĝusteco de la negativa rilato de Lenin al Esperanto, estas arbitra elpensaĵo!

S.Podkaminer (Leningrado).

## ESPERANTISTOJ GRATULIS KOMSOMOLON

La 31-an de oktobro en Krasnojarska urba Kulturpalaco okazis grava aranĝo - vespero de urbaj kluboj de internacia amikeco (KIDoj), dediĉita al la 60-jara jubileo de Lenina Komsomolo. En la Granda halo de la palaco kolektiĝis ĉ. 300 gejunuloj: 6 urbaj altlernejoj sendis siajn delegitojn al tiu ĉi vasta forumo de internaciistoj. Organizanto de la vespero estis Krasnojarska E-junulara klubo (KEJK).

La solena parto de la vespero komenciĝis per sonoj de la glora "Internacio". La gvidantoj de la programo V.Sapoĵnikov kaj I.Taskina prezentis la unuan parolon al T.V.Ilkeviĉ, la estrino de la propaganda fako en la urba komitato de VLKSM. Ŝi varme gratulis la ĉeestantojn okaze de la jubileo, diris kelkajn vortojn pri la utila agado de la urba E-klubo, atentigis la aktivularon de interkluboj

pri plenumendo de la festivalaj decidoj, pri unuiĝo de la lokaj KIDoj kaj iliaj taskoj. Kun granda ĝojo kaj fiero ŝi demonstris al la ĉeestantoj tri leterojn en Esperanto el Ĉeĥoslovakio, GDR, Hungario: la eksterlandaj esperantistoj gratulis la urban komitaton de VLKSM okaze de la glora jubileo! (La aferon komprenable organizis membroj de KEJK...)

Fine de sia elpaŝo Tamara enmanigis al aktivuloj de la urba internaciisma movado honorfoliojn de la gorkomo. Ilin ricevis kvin personoj, el ili tri (!) membroj de Krasnojarska esperantista klubo - V.Sapoĵnikov (la prezidanto), S.Bronov (SEJM-reprezentanto), A. Urdajev (estro de la korespondaj kursoj). Certe tio ĉi atestas ne nur pri favora rilato al la esperantistoj flanke de la gorkomo, sed pri plena interkompreno kaj agnosko de la esperantista agado, de ĝia socia utileco en nia urbo.

Post la elpaŝo de T.V.Ilkeviĉ havis respondan parolon V.Sapoĵnikov, kiu gratulis ŝin ne nur okaze de la 60-jariĝo de VLKSM, sed - surprize - ankaŭ okaze de ŝia samtaga persona naskiĝdato, kaj enmanigis al ŝi bileton de Honora membro de KEJK kun membroinsigno.

Post la tiom ĝojiga komenco sekvis diversaj programoj de la kluboj-gastoj. Tre riĉenhavaj estis prezentaĵoj de la pedagogia kaj politeknika institutoj: kantoj, dancoj, politikaj versaĵoj. Kun vasta kompozicia koncerto eliris la agitbrigado de KEJK: okazis plenumado de kantoj el la historio de Komsomolo kaj nia lando (ĉiuj en Esperanto!), I.Stepanova rakontis pri la 63-a Kongreso de UEA en Varna, la rakonton bone ornamis I.Danilin per demonstrado de la lumbildoj.

La finalo de la unua parto de la vespero estis tre pompa: laŭ propono de KEJK la interkluboj akceptis "Alvokon al la krasnojarska junularo kaj studentoj", kiu vokas al plenumado de decidoj de la Havana festivalo, al disvastigo de la internaciisma movado en la urbo kaj Krasnojarska regiono, al daŭra plifirmigo de amikecaj ligoj inter KIDoj. Per la melodio de "Himno de la demokrata junularo" finiĝis la solena kunveno.

En la paŭzo estis malfermita ekspozicio de infandesegnaĵoj, kiun organizis membroj de la E-klubo. La ekspozicio havas ĉ. 60 desegnaĵojn el 5 landoj (Svislando, Francio, Hungario, GDR, Japanio) kaj estis speciale preparita al la glora datreveno de VLKSM. La reprezentantino de la urba komitato fiere tion ĉi substrekis dum sia parolado.

La dua parto de la vespero havis la kutimajn programerojn: estis dancoj akompane de la kulturpalaca vokal-instrumenta ensemblo, funkciis bufedo.. S.Miĥajlin, membro de KEJK, kantis sian novan kanton laŭ la versoj de S.Petőfi "Kio do, la am'...", kiu tre plaĉis al la aŭskultantoj.

Tiu ĉi tre grava evento en la vivo de Krasnojarska esperantista klubo estas priskribita detale, por ke vi, karaj aktivuloj, havu realan helpilon en via estonta kaj nuntempa agado. Kaj verŝajne mi ne eraros, se diros, ke ĉi tiu okazintaĵo en nia urbo povos servi kiel bona ekzemplo de soci-utila laboro. Provu ankaŭ vi agi same! Ĉar tio ĉi estas vojo sekvenda.

Ne forgesante niajn tradiciojn kaj ne rompante nian Esperantujon, ni tamen iru "en la popolon", laboru malkaŝe, larĝe, por la vasta publiko! Timu ni iĝi "sektanoj". Estu ni, esperantistoj, normalaj sovetaj homoj kaj... iom pli!

Tamen mi ne emas eliri eksterkadren de la temo kaj komenci alian artikolon (probleman), do mi finas la informon.

S.Vladimirov (Krasnojarsk).

---

La Komitato de SEJM pardonpetas al la legantoj okaze de la prokrasto pri ekspedo de la novembra numero pro hazarda teknika obstaklo.

SUKCESA DIPLOMPROJEKTO PRI UEA

Antaŭnelonge ĉe la ŝtata ekzamena komisiono de Vilniusa Ŝtata Universitato studento de la jura fakultato P.Jegorovas (la sekretario de SEJM) per la poento "tre bone" defendis la diploman verkon "Internacia jura statuso de Universala Esperanto-Asocio".

En la soveta internacijura scienco la internaciaj neregistaraj organizaĵoj (INO) estas apenaŭ priskribitaj. Tial, kiam P.Jegorovas dum iama studenta scienca konferenco elpaŝis pri UEA kiel konsiderinde grava INO, li ricevis proponon plustudi la temon kaj diplomiĝi per ĝi. La sciencan gvidadon de la diplomverko prenis prof. d-ro P.Kuris, antaŭ kelkaj monatoj iĝinta justicministro de Litova SSR.

La internacian juran statuson de INOj difinas ilia kunlaboro kun la internaciaj registaraj organizaĵoj (IRO). Tiun kunlaboron reguligas tiel nomata konsulta statuso. P.Jegorovas rakontis, kiel aperis la statuso, kaj skizis la vojon de UEA al la B-kategorio de la konsultaj rilatoj kun UNESKO (ankaŭ kun la Ekonomia kaj Socia Konsilantaro de UN). Per ekzemplo de UEA estis montrita kreskanta influo de INOj por akcepto de decidoj pri mondaj problemoj kaj malkaŝita kunlabora mekanismo inter INOj kaj IROj.

El la diplomverko oni ricevas klaran bildon pri la strukturo de UEA, ĝiaj financaj fontoj kaj rimedoj, ĝia jura statuso laŭ la nederlanda kaj svisa leĝoj, pri ĝia agado en formado de publika opinio.

La laboro estas interesa ne nur por juristoj, sed ankaŭ por esperantistoj. P.Jegorovas prilumis la historian evoluon de UEA, naskiĝinta en atmosfero de kontraŭdiroj kaj evoluinta el organizaĵo kun modestaj celoj al profunde aganta, vaste agnoskita, demokratia, aktive partoprenanta la internacian vivon INO.

Speciale interesa por la diplomito estis la problemo pri la principo de neŭtraleco. P.Jegorovas montris la vojon de pasiva neŭtraleco al la aktiva kaj konstatis, ke la neŭtraleco de UEA ne eliminas politikecon de la aliĝintaj asocioj en iliaj apartaj agadoj nek signifas indiferentecon de UEA mem al mondaj politikaj eventoj. UEA ja nedusence elpaŝadis kontraŭ la lingva kaj kultura diskriminacioj, kontraŭ rasismo, subtenadis agadojn de UNESKO kaj UN por fortigo de kulturaj kontaktoj inter diverslingvaj popoloj. Ĝuste per tiu agado UEA akiris la aŭtoritaton ĉe la nomitaj mondaj organizaĵoj. P.Jegorovas ankaŭ prave rimarkis, ke malgraŭ tio ke UEA neniam oficiale elpaŝis kontraŭ milito ĝenerale kaj por la monda paco, la tuta ĝia agado servis kaj servas fortigon de la paco.

UEA havas kunlaborantajn membrojn en multaj landoj. Jam delonge sovetiaj esperantistoj (individue kaj klube) kunlaboras kun ĝi. Ni konsideru ankaŭ la kunlaboron de la oficiala instanco: ekde 1963 SSOD sendadas siajn delegitarojn al la Universalaj Kongresoj de Esperanto. Estas supozeble, ke post nelonga tempo la demando pri aliĝo de la sovetia E-movado al UEA finfine maturiĝos. Tiam la rolo de sovetiaj esperantistoj en la monda movado kreskos. P.Jegorovas do ĝustatempe refutas la alarman aserton de iama prezidanto de UEA I. Lapenna, ke nun en komisionoj de UEA membroj de la komunisma tendaro havas plimulton - "eĉ se tio estus vero, neniu povas pruvi, ke en la agado de UEA aperis iuj politikaj tendencoj - ĝi restas aktive neŭtrala".

Mi opinias, ke la diplomverko de P.Jegorovas havas pli profundan valoron ol kutimaj studentaj diplomverkoj. La jura revuo "Socialistine teise" ekinteresiĝis pri ĝi kaj intencas aperigi artikole grandan ĝian parton. Povas esti, ke post traduko de la verko el la litova lingvo ĝi estos multobligita aparte - por uzo de sovetiaj esperantistoj kaj certaj interesitaj instancoj.

V.Ŝilas, delegito de UEA en Vilnius.

ĈU MALPERFEKTECO?

La repliko de A.Ĥarkovskij pri reformismo ("A"-2, p. 29) estas tre interesa, ĉar tuŝas gravan aferon pri "neperfekteco" de Esperanto. Tamen ĉu vere ĝi estas tiom malperfekta? Aŭ eble ĝuste tio, kion li traktas kiel malperfekton, - en vero estas ties perfekto?! Pri la verbo "kapti" la afero estas pli vasta kaj pli principa: ĉu necesas en Esperanto verboj de finita kaj nefinita ago, aŭ por ambaŭ okazoj kutime sufiĉas unu verboformo: "kapti" por "lovitj" kaj "pojmatj", "preni" por "bratj" kaj "vzjatj" ktp.?

Fakte, uzo de unu ĝenerala verboformo ne naskas miskomprenojn, ĉar finiteco aŭ nefiniteco de la ago videblas el la kunteksto mem. Se oni diras: "kapti po sep fiŝojn" - certe oni komprenu tion kiel rezulton, ĉar oni kutime ne povas kaptadi po 7, eble nur sidante ĉe kelkaj akvarioj, enhaventaj ĝuste po 7. Se iu diras: "Mi kaptis fiŝon" - certe temas pri finita rezulto, ĉar en la alia senco ("mi fiŝkaptis") estus pluralo, same kiel en la frazo "Mi fritis terpomojn". Kutime en tiaj okazoj por ni ne gravas, ĉu la ago estas finita aŭ ne: "Ja ĥodil v magazin", "Ja sĥodil v magazin" - por ambaŭ okazoj sufiĉas la verbo "iris" - sen "ek-", "-ad-" ktp. Do la regulon de sufiĉeco ni komprenu vaste.

Se tamen estas kialo por dubi - ekzemple, en la frazo: "Ja vylavlival rybu iz akvariuma, no ne smog pjmatj" - estas en Esperanto pluraj ebloj por ekzakte esprimi la nuancojn per akompanaj vortoj, eble per prefikso aŭ sufikso, aŭ per "finkaptis" - pli sukcese, el per participo. Ja ankaŭ participo, se esti tro pedanta, ne ĉiam donas al ni ideon de nepra finiteco de la ago: "mi estis kaptinta" ("ja byl lovivŝim") - ne nepre signifas ke mi sukcesis. Fakte participoj estas uzataj por aliaj celoj kaj en parollingvo oni tute ilin ne uzas - sen ia ajn perdo.

La tuŝita problemo havas praktikan signifon por lingvoinstruado, ĉar nur tiel ni povas klarigi al komencantoj nenecesom trouzi la prefikson "ek-" aŭ la sufikson "-ad-": aliokaze ilia lingvaĵo estos senfina hikado (ek-, ek-, ek-...) aŭ senfina adasismo.

Aliflanke, la nedivido de verboj je finita kaj nefinita ago estas grava avantaĝo de Esperanto en senco de ekonomieco. Ĝi multoble rekompencas okazojn de neplena informo, ofte nur ŝajna por la ruslingvanoj.

Certe tiaj materialoj estas bonvenindaj en "Aktuale" kaj en la estonta presorgano de la Asocio, ĉar ili ebligas solvi plurajn demandojn vere diskutindajn.

D.Kolker (Zaporoĵje).

KIO ESTAS "MONDA TURISMO"?

Ĉiu somero estas riĉa je E-tendaroj kaj renkontiĝoj. Multaj esperantistoj travivas agrablajn tagojn ce ripozo kun malnovaj amikoj kaj kreas novajn kontaktojn. Plej multajn tendarojn kaj alispecajn renkontiĝojn oni aranĝas en orienteŭropaj landoj. Legante la Turisman Esperanto-Kalendaron, kiun ĉiujare eldonas Monda Turismo, oni povas resumi jenon:

1. La daŭro de la tendaroj kaj renkontiĝoj estas 1 - 2 semajnoj.
2. Ilin partoprenas granda nombro da esperantistoj el la sama lando kaj tre ofte ankaŭ el proksimaj landoj. Dum la lastaj jaroj ankaŭ multaj neesperantistoj partoprenas la tendarojn, La organizantoj ne ŝatas tion, timante damaĝon al la aranĝo.
3. La tendaroj plejparte havas abundan programon turisman (kulturaj kaj folkloraj prezentadoj, propagandantaj ĉefe lokajn interesaĵojn) kaj priesperantan (lingvaj kursoj kaj prelegoj)
4. Por partopreni 10-tagan porkomencantan fulmokurson, dum kiu

oni absolute ne povas lerni materialon antaŭviditan por la unua grado, oni vojaĝas eksterlanden. Tamen preskaŭ ĉiu en sia propra lando povas partopreni elementan kurson kiu donas taŭgan scion.

Do, diversaj someraj E-aranĝoj okazas por amuzi la esperantistojn malmultekoste. Tiuj aranĝoj klopodas enkonduki turismon inter esperantistojn, alivorte forpreni ilin de la ĝenerala turismo. Sola escepto estas la E-turismo fare de la Vojaĝoficejo "Juventur" kunlabore kun Pola Esperanto-Asocio.

Multe pli valorus agi tute inverse: anstataŭ doni turismon al Esperanto, oni donu Esperanton al la turismo, t.e. montru al la turistoj, ke Esperanto povas esti tre utila por ili. Ĝuste por tio estis fondita Monda Turismo (MT) - asocio por faciligo de la internacia turismo per aplikado de Esperanto.

Oni povus konkludi ke MT estas kontraŭ tendaroj kaj aliaj E-renkontiĝoj. Tute ne! Ĝi nur deziras doni al ili pli da praktika utilo, por ke ankaŭ Esperanto profitu el ili, ne nur esperantistoj.

La ĝeneralaj E-aranĝoj: "Ora E-Feriado", "Varia Internacia Semajno", "Internacia Feria Semajno", "Esperantistaj Ferioj" - nur konkurencas unu al alia, ĉar la esperantistoj ne havas klaran kriterion por decidi, kie partopreni. MT proponas, ke al ĉiu el la ekzistantaj E-aranĝoj oni donu specifan karakteron kaj laŭ tiu karaktero aranĝu la tutan programon, ekz. festivalo aŭ simple tagoj de folkloro, de foto-kino-arto, de popolkostumoj, aŭ turista orientiĝo, montgrimpado, aŭ semajnoj dediĉitaj al geografio, gastronomio aŭ aliaj temoj, kies listo estas neelĉerpebla. Tiuj aranĝoj estu malfermitaj ankaŭ al neesperantista publiko, por ke al ĉiu festivalo venu tiuj, kiujn la koncerna enhavo interesas. Kaj se tiuj festivaloj iĝos altnivelaj kaj vere internaciaj, certe multaj lernos Esperanton, kiu estos la sola oficiala lingvo de la aranĝoj.

Lokaj instancoj povos eĉ helpi finance la aranĝon, ĉar ĝi altiros multajn turistojn al iu loko, kiu ankoraŭ ne estas konata al turistoj. La organizantoj de E-turismo en Bulgario akceptis la sugestojn de MT kaj komencis ĉiujare de la 1-a ĝis la 7-a de aprilo okazigi "Gajajn Tagojn" sub la devizo "Bona rido - longa vivo!".

Tamen, se multaj samspecaj organizantoj akceptas la ideon, povas okazi ke pluraj lokoj volus aranĝi samspecan festivalon, eĉ en la sama tempo. Pro tio Monda Turismo estas preta helpi la organizantojn, koordinante iliajn dezirojn pri la karaktero, tempo kaj daŭro de la festivaloj. MT ankaŭ volonte publikigus en la Turisma E-Kalendaro kaj en la asocia bulteno "Esperanto-Turismo" informojn pri tiaspecaj aranĝoj.

Interesuloj skribu al: MONDA TURISMO, P.K. 45, BG-1000, Sofio, Bulgario.

(laŭ materialoj de Monda Turismo)

MOZAIKO - MOZAIKO - MOZAIKO - MOZAIKO - MOZAIKO - MOZAIKO - MOZAIKO

DEZIRAS KORESPONDI

kun aliaj junularaj E-kluboj de Sovetio la nova E-rondeto, fondita antaŭnelonge en Tbilisa Universitato. La adreso: 380028 Tbilisi-28, Ĉavĉavadze 1, TGU, komitet komsomola, Esperanto, Ĥizambareli Nana.

ŜANĜIĜIS ADRESO

de konata E-aktivulo el Tjumenj A.Kálaŝnikov. Nun li eklaboris en la fama pionira ripozejo "Artek" kaj i.a. planas disvolvi tie E-agadon. Skribu al li: 334265 Krimeo, Artek-1, ŜPR, Kalaŝnikovu A.P.

AL LA AŬTOROJ

La sekva "A" estas planata kiel duobla (por februaro - marto), fermodato 20.2. Do sendu kontribuaĵojn duoble pli aktive! La red.

La informilo estas uzenda nur enlande! Fintajpita 21.1.79.
Ĉiujn materialojn por "A" sendu al 121019 Moskvo d/v Aroloviĉu V.S.